## Sjoerd Bosga

## Novaj kunlabormetodoj pere de interreto

Kiam antaŭ iom pli ol duonjaro oni al mi petis ekokupiĝi pri la financoj de ILEI, mi unue iom hezitis. Ja mi ne estas instruisto aŭ pedagogo, kaj financa administrado ne sonas kiel la plej amuza okupo kiun oni povas trovi en la movado. Sed rapide mi komprenis, ke ĝuste tiu posteno estis por mi alloga kaj interesa, kaj mi ĝis nun ne bedaŭras, ke mi akceptis la respondecon.

Jen kelkajn jarojn post plurjara agado en TEJO, laste kiel ĝia prezidanto, mi ĝojis envolviĝi en organizon kiu estas ligita kun viglaj junecaj projektoj kiel „Interkulturo”, „Flugiloj de malfacila vento” kaj „*lernu!*”. Ne malpli grava por mi estis la sento, ke per mia laboro mi povus fari signifan kontribuon al ILEI (kaj tiel al la grava funkcio kiun ĝi plenumas en la E-movado). Kvankam multo en ILEI jam bone funkcias, certe estas ankaŭ multo pliboniginda kaj – grava por entuziasmaj aktivuloj – farebla nun. Laŭ mi en tio ILEI diferencas de multaj aliaj organizoj en la movado, kaj ĝuste tio igas ĝin alloga por junaj homoj.



*Sjoerd Bosga dum la Konferenco kun la redaktoro de la revuo*
*(Ligo bonfartas, kie kalviĝas ne la kasisto ☺)*

Sed mi revenu al la diversaj projektoj kiujn mi menciis. Ili havas unu gravan trajton komunan: la interreto ludas centran rolon en ili. Sen la reto, la klasoj kiuj partoprenas en Interkulturo ne povus interŝanĝi informojn same facile. Sen la reto, ne ekzistus manlibro por instruistoj verkita en rekorde mallonga tempo fare de grupo da homoj. Sen la reto, miloj da esperantistoj eĉ neniam konatiĝus kun Esperanto, dum nun, danke al projektoj kiel *lernu!*, NESTO kaj aliaj, ili lernis kaj uzas la lingvon.

Kiam aperis, komence de la naŭdekaj jaroj, la unuaj retpaĝoj por granda publiko, ili celis unuavice informi. Tipe, la retuzanto estis leganto kiu foliumis tra la paĝoj por trovi aktualajn informojn aŭ fonmaterialo. Ankaŭ ĉiu sin respektanta E-organizo havis unu respondeculon kiu redaktis kaj kreis paĝaron kie eblis legi pri la internacia lingvo kaj la pasinta kunveno de la organizo. Kutime tiu respondeculo post kelkaj jaroj laciĝis, postlasinte paĝaron kun multaj neaktualaĵoj. Nur la plej fortaj organizoj sukcesas konstante disponigi aktualajn informojn. La situacio similas al eldonado de informiloj aŭ libroj: sen la striktaj limdatoj kiuj garantias la regulan aperon de revuoj, informiloj kaj libroj, novaj informoj en tiu speco de retpaĝoj aperas malofte. Nur por komercaj firmaoj la situacio estas alia: pere de retpaĝo ili ĝenerale provizas siajn klientojn per multaj utilaj informoj pri siaj produktoj.

Dume aperis speco de retpaĝoj kiuj donas al la retuzanto iom pli aktivan rolon. Lernigaj paĝoj estas la tipa ekzemplo de tio: vizitantoj de la paĝaro trejnas siajn kapablojn per simplaj kvizoj aŭ lernas vortojn plenigante formularon kiun la retservilo poste kontrolas. Ofte estas ankaŭ la ebleco aldone uzi retpoŝton aŭ tujmesaĝilon por ebligi interagon inter la vizitanto kaj la kreanto de la paĝo – aŭ inter vizitanto kaj instruistoj. Por multaj la koncepto estas alloga – sen devi iri al vendejo aŭ biblioteko oni trovas eblecon lerni pri kio oni volas, ofte en maniero kiu agrable malsimilas al tradiciaj lernmetodoj kun kiuj oni tro bone konatiĝis dum deviga vizitado de lernejo.

Tamen ankaŭ tiuj retpaĝoj funkcias esence en unu direkto: unu aŭ maksimume kelkaj homoj desegnas, verkas kaj redaktas la paĝojn, dum multaj dise en la mondo „konsumas” la informojn. Malgraŭ la ebleco interagi kun la paĝoj, la uzanto ne mem kontribuas ion al ili, nek havas kontakton kun la aliaj uzantoj (krom eventuale *ekster* la paĝoj, pere de retpoŝto aŭ simile).

Unu speco de retpaĝaro kiu ŝanĝas tion estas diskutforumo. Surbaze de eta (aŭ granda) novaĵo aŭ demando de iu, multaj homoj esprimas sian opinion aŭ kontribuas per siaj scioj. Interese estas, ke en iuj novaĵforumoj la kontribuoj de la uzantoj pli gravas kaj pli interesas ol la origina novaĵo enretigita de inicianto de la paĝaro. Tiaj forumoj konsistigas interesan fonton de informoj, kunigitaj per minimuma peno de la iniciatintoj de la paĝaro kaj laŭ libervolo de uzantoj dise tra la mondo. Certe ne ĉiuj kontribuoj estas valoraj aŭ eĉ ĝustaj, sed tion kompensas la aliaj, se estas sufiĉe da interesiĝantoj. En la E-movado forumoj estas ankoraŭ nur ege malmulte uzataj, kvankam iniciativoj ekzistas (ekz. en *edukado.net*). Ni devos pripensi kiel instigi al forumumado...

Relative nova, kaj jam tre populara tipo de paĝaroj estas t.n. vikioj. En tiuj paĝaroj la uzantoj povas komplete memstare krei novajn paĝojn kaj redakti ekzistantajn. Dum iuj uzas tiun principon por krei kompletan enciklopedion („vikipedion"), la principo tre taŭgas por diversaj kunlaboroj pri tekstoj. Ekzemploj de uzo de vikioj ene de ILEI estas kompilado de tagordo kaj kolektado de materialo por kunsidoj, verkado/korektado de protokoloj, kaj la plej granda: verkado de manlibro pri instruado. Ankaŭ en vikioj la kvalito de la fina rezulto ege dependas de la kontribuoj – la ideo malantaŭ vikio estas, ke, se multaj kaj kompetentaj homoj kontribuas, la fina rezulto iĝas pli bona ol se unusola homo verkus. Antaŭvideble la uzo de tiu speco de paĝaro ankoraŭ multe kreskos en la estonto, donante egalan eblecon al ĉiuj kontribui per siaj konoj kaj spertoj.

Malpli videblaj por „ordinara" retumanto, sed gravaj kaj interesaj, estas novaj manieroj en kiuj la reto estas uzata en realigado de projekto aŭ funkciigado de organizo. Ekzemploj jam abundas. La paĝaro de *lernu!* ne funkcius sen dekoj da tradukantoj, kiuj memstare, pere de la paĝaro mem, pretigas tradukojn al multaj lingvoj. Aliĝintoj al pasinta ILEI-konferenco povis konstati, ke ankaŭ por organiza laboro de ILEI la reto estas uzata. Kion ili tamen ne povis vidi, estis, ke ĉiuj informoj de la retaj kaj paperaj aliĝiloj estis ĉiam ĝisdate rete alireblaj al tri-kvar organizantoj, inkluzive de informoj pri pagoj kaj loĝigo.

Alia „nevidebla" reta administra sistemo enhavas ĉiujn detalojn pri la spezoj de ILEI. Jam pasis la tempo kiam kasisto uzis kaslibron! Pere de ordinara brozilo mi aliras servilon kiu enhavas la financajn datumojn kaj la

programaron por trakti ilin. Kompreneble ne ĉiuj povas aliri tiujn informojn – same kiel faras komercaj firmaoj kiuj nun pli kaj pli enkondukas similajn ret-bazitajn sistemojn - mia financadministra sistemo estas alirebla nur ĉe mi hejme. Tamen mi planas estonte igi parton alirebla por kunlaborantoj por kiuj tio utilas.

Planoj ankoraŭ pli vaste uzi la reton por administra laboro de ILEI multas. La venonta projekto estas la membro- kaj abonadministrado. Nun ankoraŭ sama adresinformo estas ofte traktata de tri homoj en tri lokoj: de la sekretario, de la administranto de Juna Amiko kaj de la presejo de IPR – sen kalkuli la kasiston kiu ofte ankaŭ bezonas samajn informojn. Reta sistemo povos faciligi nian laboron, speciale se membroj aŭ perantoj *mem* ĝisdatigos nian datumbazon. Ĝis tiam, mi havos multon por fari!

## Kelkaj komentoj pri la buĝeto por 2004

En la buĝeto sube prezentita[1] ni antaŭvidas signifan kreskon de la kvanto de membroj kaj IPR-abontantoj kompare al 2003. Por tion atingi, ni evidente devos ankoraŭ multe labori, kaj bezonas ankaŭ vian helpon! La taksoj tamen ne ŝajnas tro malrealismaj. Samtempe ni esperas per pli efika administrado havi ne tro grandan kreskon de elspezoj por IPR.

Ne rekte videbla en la buĝeto estas la elspezoj kaj enspezoj por diversaj projektoj kiel „Flugiloj de malfacila vento” kaj „Interkulturo”. La agado en tiuj projektoj grandparte dependas de eksteraj subvencioj, kiuj kovras vojaĝkostojn, materialojn, honorariojn, ktp.

Same kiel en 2003 kostoj por estrarkunsidoj estas relative malaltaj, ĉar la estraro lerte uzos la okazojn kiam multaj estraranoj ĉiukaze renkontiĝas, ekzemple kadre de seminario aŭ konferenco.
Pli altaj kostoj por aktivuloj kaj materialoj parte estas pro la fakto ke tiuj kostoj ĝis nun ne estis videblaj – pluraj aktivuloj neniam petis repagon de siaj kostoj (grandan dankon al ili!). Ĉar ili promesis ankaŭ en 2004 same fari ni enbuĝetis iliajn kostojn ankaŭ kiel „donacoj”. Samtempe ni strebas

[1] Pro teknikaj kialoj la buĝeto ne povis aperi en IPR 2004/2. Pardonu! - NdlR

al pli da agado, ekz. pli aktiva ĉeesto en IJK kaj UK kaj ne-movadaj aranĝoj. Tio evidente kostas, kaj estas la ĉefa kialo de antaŭvidata deficito.

**Buĝeto por la jaro 2004**

| *Elspezoj* | | *Enspezoj* | |
|---|---|---|---|
| IPR presado, sendado, red. | 6000 | Kotizoj kaj IPR-abonoj | 8400 |
| Juna Amiko presado, sendado, red. | 6500 | Juna Amiko – abonoj | 6200 |
| Projektoj nete | 3000 | Projekta subvencio de UEA | 3000 |
| Estraro – afranko, reto ktp. | 1500 | Vendoj de libroj | 400 |
| Estraro – kunsidoj | 1500 | Konferenco nete | 1000 |
| Aktivuloj – afranko, vojaĝoj, ktp. | 1500 | Ekzamenoj nete | 200 |
| Honorarioj ĝeneralaj | 600 | Donacoj (al ĝenerala kaso) | 1400 |
| Materialo | 200 | Rentumo (pro ĝenerala kaso) | 200 |
| Informado | 400 | | |
| Libroj (represo *Tendaraj tagoj 1*) | 400 | | |
| Fakaj kotizoj | 450 | | |
| Bankkostoj (pro ĝenerala kaso) | 250 | *Rezulto (deficito)* | *1500* |
| Sume | 22300 | Sume | 22300 |

*Sjoerd Bosga, estrarano pri financoj de ILEI*

# Raportoj pri la 37ª Konferenco de ILEI en Bratislava

## A) Sekretaria resumo pri la Konferenco

La 37-a ILEI-Konferenco okazis en la urbo Bratislava (Slovakio) inter la 14-a kaj la 21-a de aŭgusto. Aliĝis 49 personoj el 20 landoj. La konferenca temo estis 'Kultura kaj lingva diverseco en edukado' kaj ĝi estis pritraktita de Radojica PETROVIĆ. Du seminarioj okazis: de Interkulturo kaj de Flugiloj de Malfacila Vento, dum kiu la partoprenantoj enprofundiĝis en la celojn de ambaŭ projektoj. Grave estis, ke en la konferenca programo estis tempo dediĉita al la pridiskuto de Strategio por ILEI kaj tio okazis en 2 sesioj.

La programo estis riĉigita de kontribuoj de Nina DANILJUK: 'Lingvo-kultura leksiko en la instruado de la denaskaj kaj fremdaj lingvoj', Sándor HORVÁTH: 'Monda instruado de la angla. Faktoj, mitoj, ekscesoj, problemoj', Hokan LUNDBERG kaj la *lernu*!-teamo pri la projekto *'lernu*!',

Tereza KAPISTA pri 'Instrulaboroj kaj spertoj en Irano', Atilio ORELLANA ROJAS: 'ILEI 55-jara', kaj Josef VOJACEK: 'Projektoj pri la instruado de Esperanto'.
Eblis renkontiĝi kun la redaktoroj de la ILEI-revuoj, IPR kaj JA kaj eblis tiam trakti pri la evolubezonoj kaj planoj por ambaŭ eldonaĵoj. En la posttagmezo de la lasta konferenca tago, okazis 'Lingva Festivalo', dum kiu estis prezentitaj 20 diversaj lingvoj. Ĝi vekis la atenton de la lokaj amaskomunikiloj.
Ankaŭ sesio de la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA okazis kaj el la 8 kandidatoj, sukcesis 2 en la elementa kaj 4 en la meza niveloj.
Diversaj ekskursoj kaj tuttagaj kaj duontagaj permesis al la ĉeestantoj konatiĝi kun la urbo Bratislava kaj aliaj regionoj de Slovakio.
La samtempeco kaj samlokeco de la Konferenco kun la SAT-Kongreso donis la okazon al la Plenum-Komitato de SAT kaj al la Estraro de ILEI renkontiĝi kaj diskuti pri eventuala kunlaboro en kampoj komunaj, kiel eventuale kunlabori en taskoj ligitaj al la teksto de la reeldonota PIV.
Pri la Konferenco raportis 5 TV-stacioj, 7 radiostacioj kaj 6 gazetoj.

La ILEI-Komitato kunsidis dum pli ol 7 horoj. Ĉeestis reprezentantoj el Ĉeĥio, Finnlando, Hungario, Italio, Kroatio-KEU, Kubo, Nederlando kaj Ukrainio.
La ĉefaj decidoj de la Komitato estas la jenaj:
– akcepto de nova Honora Membro: S-ino Adriana MIDDELKOOP el Nederlando;
– aprobo de la jara kaj financa raporto por la jaro 2003;
– aprobo de buĝeto por la jaro 2004;
– fondado de Azia Komisiono por prizorgi la rilatojn kun la aziaj kolegoj; malfondo de la Lerneja Komisiono;
– aprobo de la teksto de la Regularo de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA;
– aprobo de ŝanĝoj en la Interna kaj la Konferenca Regularoj.
(Kelkaj decidoj estas konfirmotaj perpoŝte de la Komitato.)
Cetere, estis traktitaj temoj kiel la ekzistantaj bonaj rilatoj kun E-organizoj kiel UEA, TEJO kaj neesperantistaj kiel UNESKO kaj FIPLV.

La sekvajara Konferenco okazos en Litovio. Informoj pri ĝi aperos en la venonta numero de IPR.

*Atilio ORELLANA ROJAS, sekretario*



*Kvin estraranoj partoprenis la komitatkunsidojn en Bratislava (de maldekstre): Hokan Lundberg, Sjoerd Bosga, Radojica Petrović, Atilio Orellana Rojas kaj Stefan MacGill.*

## B) Personaj impresoj de kelkaj konferencanoj

**Vittorio Madella:** Saluton kaj ĝojon! Ni, kvar italoj (*Maria Mattei, Alessandra Di Donato, Luigia Oberrauch Madella* kaj *Vittorio Madella*), revenis la 21-an de aŭgusto 2004 de la ILEI-Konferenco de Bratislavo kie ni travivis belan kaj intensan semajnon. Ni estas tre kontentaj pri la valoraj rezultoj de la seminario mem kaj pri ĝia kvalita turisma flanko.

Slovakio estas bela landeto de centra Eŭropo kiu estos jam de la jaro 2006[a] efektiva membro de EU. Luigia kaj mi neniam havis la oportunon viziti ĝin kaj nun ni estas tre kontentaj, ke tiu ebleco povis okazi. Fakte Slovakio, kvankam ekonomie iomete pli malriĉa ol Ĉeĥio, estas organizita lando tre grava pro sia mezeŭropa geografia pozicio kiu permesas al ĝi esti valora protagonisto de la estonta EU-politiko, se ĝi entute bone startos el la

brusela politiko kiel bela rimedo de nia kontinento kaj de nia tut-Eŭrolandia ekonomio.
La ILEI-Konferenco estis tre interesa. Tiu ĉi fak-asocio de la internaciaj esperantaj instruistoj nun havas bonan kaj laboreman estraron kiu estas forte engaĝinta antaŭenirigi la laboron favore de Esperanto en la lernejoj. Kompreneble oni bezonas pli da kunlaboremaj aliĝintoj kaj da E-instruistoj, tio estas la esenca kondiĉo, tamen la rezultoj post tiom streba laboro certe ne mankos. Aliflanke estas bezonata multe pli da kunlaboro inter la esperantaj organizoj, ĉar rikolti la fortojn en momento de grava minaco al niaj naciaj lingvoj estas necesa kaj fundamenta kaj ne plu prokrastebla afero.

La minaco estas evidenta kaj – laŭ prelego de samideano *Sándor Horváth* el Aŭstralio – ĝi estas ege danĝera por la homaj rajtoj. Fakte li rakontis, ke la ŝtato de Aŭstralio forte profitas je la enspezoj de la lernejoj de la angla lingvo. Tiuj enspezoj, por bone kompreni, estas – li asertis – pli altaj ol tiuj de la interna industria produkto de la lando mem. La plej multaj studentoj, kiuj iras al Aŭstralio por lerni la anglan, devenas de azia mondo. Kvankam miloj kaj miloj da azianoj iras en Aŭstralion por pli bone lerni la anglan kun fortaj elspezoj, ili ne tiel facile akiras adekvatajn lingvajn konojn.

Li rakontis poste, ke multaj geknaboj submetiĝas al iu ĥirurga operacio en la buŝo kiu iamaniere devus ebligi al ili akiri la prononcadon de la litero „ro” kaj tio estas alia indiko pri la malfacilaĵo por azianoj lerni la anglan. Krom tio la aŭstralia samideano mem pludiris al ni, ke, kvankam li estis ido de enmigrinta familio kaj pro tio ekde sia frua infaneco jam aŭstralia civitano kaj poste ankaŭ profesia, talenta instruisto de la angla en privata lernejo de sia lando, li ne rajtas instrui la anglan en ŝtata lernejo de Aŭstralio. Kial?

Simple pro la fakto ke li ne estas denaske aŭstralidevena[2], kiel diri, ke li, jes ja, estas agnoskita kiel aŭstralia civitano, tamen malagrable taksita je serio „bo”, do tute ne je la sama nivelrajto de la aŭtentaj denaskaj anglo-parolantoj. Tio estas malbela historio, kiun ni povis nur imagi en nia EU ĉefe pro la subagentejoj, kiuj kontrakte laboras por la eŭropaj Institucioj kaj la tiea EU-Parlamento de Strasburgo. Iliaj laboranoncoj en serĉado de laborfortoj estas ofte direktitaj nur al denaskaj angloparolantoj.

[2] Liaj gepatroj devenas el Hungario. – NdlR

La erara kaj perforta politiko je lingva diskriminacio ene de unuiĝanta kontinento, estas vera kaj propra rasismo, al kiu oni devas forte sin oponi. Ni estas tre favoraj al Eŭropa Unuiĝo kaj kunlaboro, tamen ni ne povas toleri tiun rasismon kaj lingvan perfortan diskriminacion kiu ĉiam pli evidentiĝas kaj kuras tra Eŭropo kaj tra la mondo.

**Luigia Oberrauch Madella:** La slovaka ĉefurbo gastigis tiun ĉi gravan renkontiĝon de la instruistoj de E-o disponigante tiucele tre taŭgajn ejojn en Bazlernejo kaj gimnazio de S-ta Vincento de Paul, Bachova strato, Bratislava-Ruzinov. Kvindeko da parteprenantoj el 20 landoj (Aŭstralio, Aŭstrio, Kubo, Finnlando, Francio, Germanio, Hungario, Israelo, Italio, Japanio, Kubo, Litovio, Nederlando, Rumanio, Rusio, Serbio, Slovakio, Svedio, Ukrainio kaj Venezuelo) ĝisdatigis siajn konojn pri la konferenca temo: *Kultura kaj lingva diverseco en edukado* kaj kunlaboris tre aktive al la seminario de *Interkulturo* kaj al tiu de *Flugiloj de Malfacila Vento*.
En la trejnseminario de Interkulturo, gvidata de Radojica Petrović, ni studis la rimedojn kaj metodojn por interkultura lernado kaj pridiskutis la novajn eblecojn por la transkultura komunikado per E-o. Kiel praktike utiligi E-on en lernejoj? La internacia lingvo devus ludi rolon en la edukado al paco kaj al interkultura kompetento. Plurfoje ni povis viziti la rethejmon de Interkulturo *www.interkulturo.net* kaj lerni uzi ĝin en la konferencejo kaj en komputilejo.

Tre utila kaj plenplena je surprizaj rezultoj estis enketo pri la tipaj stereoptipaj kliŝoj kaj antaŭjuĝoj inter la popoloj. Oni petis nin prezenti la plej abomenindan kaj poste la plej ŝatindan ecojn de nia nacio kaj de aliaj nacioj, kiuj havis raprezentanton en la laborgrupo. Surprizis min, ke multaj el niaj gekolegoj opiniis, ke italoj ĝenerale estas hastemaj, babilemaj kaj malkuraĝemaj. Eble ĉi tiuj asertoj estas prononcitaj hazarde, tamen iom da vero devas troviĝi en ili. Kaj kion diri pri la ĉeĥoj kiujn oni juĝas memestimaj, pli papo ol la papo mem, kaj la serboj, kiuj pensas esti elturniĝemaj kaj „ĉiela" popolo? Estus ja bona tasko trastudi la rezultojn de tiu ĉi tabelo por kompreni, kian bildon havas la aliaj popoloj pri ni.

„*Flugiloj de Malfacila Vento*" estas nova projekto de ILEI por plivastigi kaj subteni instruadon de E-o inter junuloj. Dum la semajno, gvidata de *Stefan MacGill* kun helpo de *Atilio Orellana Rojas*, oni multe studis kelkajn erojn

de la gramatiko de E-o kaj funde pritraktis la teorian bazon de lingvolernado kaj lingvoinstruado kun praktikado en la seminariaj kondiĉoj.

Ni aŭdis la rakonton de kolegino kaj Cseh-metoda instruistino *Tereza Kapista* kiu pasintajre tute kuraĝe gvidis kurson en Irano kadre de la UEA programo *Lingvo de la Paco* al rifuĝintinoj el Afganio. Ŝi libere raportis al ni pri siaj spertoj kun la lernantinoj, kiuj unuafoje en sia vivo povis kanti en la klasĉambro. Tereza ja ne sciis, ke en Irano la virinoj tute ne rajtas kanti. Tamen la kontakto kun la junulinoj estis tuja, elkora kaj reciproka. "Estas interesaj aferoj, kiam mi ekzemple instruis la tagojn de la semajno", daŭrigis Tereza. „Kiam mi demandis: kiu tago estas la unua labortago en la semjano, la respondo estis: sabato. Kaj la festotago? Vendredo!" Kiu deziras legi la tutan raporton de sinjorino Kapista kiu lernis de siaj lernantoj ke „laŭ la Korano unu viro samvaloras kiel du virinoj", serĉu la kajeron „Mia instrulaboro kaj impresoj en Irano" verkitan de Tereza Kapista.
Inter la prelegoj estis ankaŭ tiu de *Atilio Orellana Rojas*. Ĝia temo estis la *55-jariĝo de ILEI*. Jam en la fruaj jaroj de E-o la instruistoj sentis la bezonon havigi al si oficialan revuon. En la jaro 1949 naskiĝis ILEI kaj oni jam skizis statuton kaj organizis la unuan seminarion en Koch am See. Estis Mario Dazzini en la finaj sesdekaj jaroj kiu realigis la ideon de kunordiga konferenco dum Pasko en Maribor. La jaroj inter 1971 kaj 1974 estis tiuj de la unua lerneja eksperimento kaj en 1975 estis prezentita peto al Unesko kiu respondis en la posta jaro.

Nun ILEI regule eldonas sian fakrevuon *Internacia Pedagia Revuo* kaj revuon *Juna amiko* por infanoj kaj komencantoj. Inter la plej gravaj paŝoj, kiujn ILEI deziras realigi, estas tiuj de

- firmigo de la ekzamensistemo,
- rilatoj kun ne-esperantistoj,
- daŭra funkciado de la ILEI-oficejo kaj
- enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

Grandan atenton ni donis al la *Strategio de ILEI*. Ni parolis pri la disponeblaj homfortoj kaj agadprioritatoj de nia faka asocio. Kvankam la malfacilaĵoj daŭre ĉeestas, ni deziras nun pli sisteme plani por pli longa tempodaŭro. Ĉu ni sukcesos?
Intertempe ni ĝoju pri la konkretaj paŝoj, kiujn ni planis en la seminario de Interkulturo:

– Helena el Rusio deziras havi kontaktojn kun klasoj, kiuj lernas E-on. Ŝi estas organizanta artsemajnfinon en marto okaze de la virina festo.
– Iuj volas helpi al la eduka interkultura projekto en Benino.
– Ukrainio deziras proponi interesan esplortemon: „Ĉu vulpo havas la samajn ecojn en diversaj kulturoj?" Temas pri esploroj en la kampo de la proverboj kaj de la dirmanieroj de niaj popoloj. Ĉiuj estas petataj kontribui al la esploro.
– Francio kaj Italio serĉas trian landon kiu kune kun ili volas ekspluati la eblecon starigi projektojn por *Comenius*-, *Socrates*- kaj *Euroscola*-klasoj. Pri tiuj projektoj scias multon la instruistino s-ino Jacqueline Poux (*jacqueline.poux@laposte.net)*
– Multaj deziras prezenti fabelojn, urbojn, riverojn, protektendajn naturmediojn k.t.p.
– Mi deziras dediĉi miajn fortojn al korespondado inter la klasoj (helpe de edukado.net), al planado de interkultura festivalo kaj al organizado de infana societo kiu komencas lerni la internacian lingvon.

Kaj nun ankoraŭ mallonga rakonto pri la *Lingva Festivalo*. Ni nomis ĝin ankaŭ: „Ĉielarko de lingvoj", ĉar ĝi estis vere bunta.

En kvin klasĉambroj de la konferencejo, vendrede posttagmeze 20 lingvoj estis prezentitaj: ĉeĥa kaj slovaka kune, ĉuvaŝa, Esperanto, finna, germana, hebrea, hispana, itala, japana, kroata, latina, litova, malagaŝa, nederlanda, romaa, rusa, sveda, sveda gestlingvo de surduloj, ukraina. Denaskaj parolantoj aŭ instruistoj de la koncernaj lingvoj parolis pri la historio de la lingvo kaj ties natura geografia regiono de uzado, prezentis ĉefajn gramatikaĵojn de la lingvo, ekzemplojn de tipaj esprimoj, salutvortoj ktp, nacian kulturon ligitan kun la lingvo, ekzemplojn de sonanta lingvo (dialogoj kun grupoj, kantoj, ŝercoj, video- kaj sonkasedoj).
S-ino *Tatjana Auderskaja* tre diligente preparis ĉion kaj la prezentadoj vekis grandan intereson kaj multe da demandoj el la publiko. La *Lingva Festivalo* estis tiu parto de la ILEI-konferenco kiu altiris pli forte la atenton de neesperantista publiko kaj amaskomunikiloj de Bratislava. Fakte pluraj televidoj, radiostacioj kaj urbaj gazetoj raportis pri ĝi en siaj elsendoj kaj paĝoj.

Ni ankoraŭ danku por tiom multe da belaj travivaĵoj en la moderna ĉefurbo de Slovakio.

**Vladka Chvátalová**

## „Flugiloj de Malfacila Vento” dum la ILEI-Konferenco

Kadre de la projekto „Flugiloj de Malfacila Vento” *(www.ikso.net/flugiloj)* okazis ene de mallonga periodo jam la tria trejnseminario por E-instruemuloj dum la aŭgusta ILEI-konferenco en Slovakio, sekvante similajn seminariojn marte en Sarajevo dum la *TEJO/E@I-IK-seminario* kaj julie en Rusio dum IJK.

Du spertaj instruistoj, *Atilio Orellana Rojas* kaj *Stefan MacGill*, transprenis kun granda entuziasmo la elĉerpigan, malfacilan kaj certe ankaŭ amuzan taskon transdoni siajn spertojn al preskaŭ dudeko da scivolemaj kaj instruemaj partoprenantoj de diversaj aĝgrupoj. Ene de nur 11 horoj ili strebis rakonti multon pri sia longjara instruista agado, proponi plurajn metodojn de instruado kaj aktivigi ĉiujn partoprenantojn en grupetoj aŭ individue.

Oni pridiskutis kelkajn malfacilajn partojn de la E-gramatiko (ĝenerale kaj ankaŭ atentante pri naciaj aspektoj), rolludis kaj ĉiuj havis ŝancon dufoje prezenti mallonge memstare preparitan lecionon kaj tiel praktiki la teoriajn konojn. Tiu ĉi aktiva parto foje iĝis eĉ danĝera, ekz. kiam unu kutime tre afabla partoprenantino atakis la klason per ĵetita pomo kaj tiel enkondukis la demandvorton KIU (Kiu nun havas la pomon?).

De la reagoj dum kaj post la seminario oni povas konkludi, ke la seminario estas pritaksata kiel sukcesa, kvankam tro mallonga por vera spertiĝo. Pluraj taksis tre alte la eblecon paroli kun aliaj instruistoj pri siaj spertoj kaj problemoj kaj dum la praktika parto spekti diversmaniere realigitan klarigon de gramatiko. Renkontinte aliajn instruistojn kun similaj demandoj, la partoprenantoj revenis hejmen kun freŝaj ideoj por siaj lernantoj.

# ILEI ĈE UK

La programeroj de ILEI en la UK ĉi-jare estis eĉ pli gravaj ol kutime ĉar ILEI ne konferencis en la kongreslando. La Tago de la Lernejo kaj la fakkunsido de ILEI donis ŝancon por lerni iom pli pri agado de E-instruistoj en Ĉinio, en aliaj landoj de Azio kaj en Aŭstralio. Universitataj E-kursoj kaj granda nombro de junaj esperantistoj en Ĉinio, planoj kaj rezultoj de E-instruado en Japanio kaj aliaj landoj de tiu mondoparto montras, ke ILEI havas tie agadterenon ankoraŭ ne sufiĉe konkeritan. Tio estis motivo por la Komitato de ILEI, kiu kunsidis dum la Konferenco en Bratislavo, fondi Komisionon por Azia agado kiu ricevis taskon esplori manierojn kaj rimedojn por pli vasta kaj pli firma kunlaboro kun kolegoj en Azio.

*El* **STRATEGIA LABORPLANO DE UEA 2001-2010**
**AL LINGVA DEMOKRATIO**

**2-a agad-kampo: INSTRUADO**

[…]

Necesas koncepti la esperantistiĝon kiel daŭran procezon, kiu ne finiĝas per la trapaso de baza kurso. Instruistoj trejniĝu pri komunikiga kaj aktiviga pedagogioj, ĉu ekster- ĉu en-movade; tiucele la movado evoluigu kapablojn liveri tian trejnadon je profesia nivelo, traktante precipe la specifaĵojn de E-instruado, kunlige al la perado de interlingvistikaj kaj esperantologiaj scioj, de scioj pri ĝia lingvokomunumo kaj ĝiaj kulturo, tradicioj kaj historio. […]

Direkte al *tutmondiĝo* ĉi tiu agadkampo entenas atenton al sukcesa kultursentema instruado pri la fenomeno Esperanto tutmonde.

Direkte al *plijuniĝo* la agadkampo entenas atenton al instruado pri la fenomeno Esperanto al junuloj kaj de junuloj.

Direkte al *profesiiĝo* la agadkampo entenas atenton al la trejnado de E-instruistoj kaj al instruado pri E-o al personoj, kiuj povas utiligi siajn konojn de la fenomeno E-o en sia profesia vivo.

## *Tago de la Lernejo*

Laŭtradicie ĉe TdL estas prezentata eduksistemo de la kongreslando. S-ro *Liu*

*LA PLANO DE UEA – 2003/2005*

**INSTRUADO**

- La asocio daŭrigu la kunlaboron kun ILEI kaj kun ĉiuj aliaj esperantistoj kaj instancoj por la plenumo de sia instruada agado.
- La e-istoj daŭre laboru kun instruaj instancoj je registara kaj aliaj niveloj por ke E-o estu instruata je oficiala nivelo en la lernejoj de la unuopaj landoj.
- Komputil-retaj kursoj kaj servoj ricevu emfazon; […]
- Aparte oni klopodu pluevoluigi la ekzistantajn centrojn por instruado pri E-o kaj igi ilin kunlabori inter si ankaŭ por oferti siajn servojn al neesperantistoj dezirantaj lerni E-on.
- La Estraro de UEA, kunlabore kun ILEI, akcelu la produktadon de lerniloj por la landoj/lingvoj, kie ili mankas.
- La Estraro de UEA signife intensigu sian apogon al la projekto INTERKULTURO de UEA kaj ILEI per konkrete difinataj rimedoj.
- UEA kaj ILEI starigu programon de instruista trejnado, kiel esencan elementon de la nove starigata komuna ekzamena branĉo „Instrukapablo”, klopodante enkadrigi elementojn de tiu trejnado en la strukturojn de oficialaj edukaj instancoj kaj helpi al provoj konstantigi aŭ malfermi oficialajn universitatajn kursojn.

*Xiaojun*, docento de la franca lingvo ĉe Shandong Universitato, priskribis la eduksistemon de Ĉinio atentigante ke edukado en Ĉinio jam komenciĝis antaŭ 5000 jaroj.

S-ino *Isakawa Teiko*, la japana sekciestrino de ILEI kaj estraranino de Japana E-Instituto, priskribis tre varian bildon de E-instruado en japanaj lernejoj, kiu multe dependas de rekomendoj de la regiona Komitato pri Edukado.

*Jennifer Bishop* kaj *Hazel Green* skize prezentis lingvolernadon en Aŭstralio, kie pli ol 150 lingvoj parolatas. Tamen la nacia registaro limigis la oficialan nombron de lingvoj instruataj krom la angla al listo de 16. Ĉiu provinco devas elekti el tiu listo. La plej uzataj formoj de E-lernado estas internacia somerkursaro (en 2005 ĝi okazos en Adelaide) kaj kursoj ĉe Interreto.

*Katalin Kováts*, redaktanto de *edukado.net* kaj prelegante ĉe NASK (*Nord-Amerika Somer-kursaro*), parolis pri edukprojektoj

kiuj disvolviĝas per helpo de ESF (*Esperantic Studies Foundation*). Dum la prelego ŝi praktike demonstris retaliron al la kursaro de *www.lernu.net*. Ĝi estis nur parteto de ŝia abunda laboro en la eduka programo de UK.

La 2an parton de TdL malfermis *prof. Ronald Glossop* per pens-provoka prelego pri Edukado al Paco, tre bona enkonduko al la prelego de *Mireille Grosjean* pri Edukado por Solvado de Konfliktoj. Ŝi priskribis interalie aktualajn temojn de seminario kiun ŝi jam plurfoje gvidis por siaj mezlernejanoj en Svislando, 13-14 jaraĝaj. Post tiu prelego ŝi daŭrigis per klarigado pri internaciaj ekzamenoj de ILEI/ UEA kaj ilia valoro por eventuala oficiala instruado internacia, inkluzive de planata trejnado de instruistoj.

Sekvis diskuto pri la temo „ILEI tutmonde, 55 jarojn post la fondiĝo" post tralegita samtitola mesaĝo de la prezidanto de ILEI *Radojica Petrović*. La diskuto pludaŭris du tagojn poste en unuhora fakkunsido de ILEI.

**Konkludoj kaj sugestoj**

**el la diskuto dum TdL kaj fakkunsido de ILEI**

- Konferencoj de ILEI estu preparataj du jarojn antaŭe en loko kun favoraj prezoj. Ĉiuj kontinentoj estu reprezentitaj en la Konferenco. Se ĝi ne okazas en la sama mondoparto kiel UK, estu organizitaj renkontiĝoj de instruistoj enkadre de la UK.
- Por subteni E-projektojn necesas trovi ankaŭ aliajn fondaĵojn kaj subvenciantojn krom ESF. Por peti subvencion de lokaj instancoj necesas fari profesian studplanon.
- Lingvoinstruistoj klopodu emfazi pozitivajn temojn por interdiskutado ekz. Ghandi, Martin Luther King ks. Necesas stimuli E-instruistojn ankaŭ al utiligado de historia heredaĵo kaj verkoj de E-kulturo.
- Estas traktenda lernado de E-o en ĉiu aĝo kaj utiligado de diversaj lerniloj, kiel Juna Amiko, e-istaj voĉoj en diversaj akcentoj, laŭtlegataj materialoj por blinduloj kc.
- Eblas realigi trejnadon de E-instruistoj ankaŭ en universitatoj kies studprogramoj inkluzivas ĝin, kiel ELTE en Budapeŝto.

## *Edukado en la tagordo de la Komitato de UEA*

La Subkomitato 3 pri edukado kaj instruado, prezidata de *Paul Gubbins*, traktis la rolojn de UEA, ILEI kaj de aliaj agantoj en la eduka kampo konsiderante

la eblecojn de novaj instru-teknologioj kaj aktualajn bezonojn kaj cirkonstancojn de lingvoinstruado en la mondo. Ankaŭ la Subkomitatoj pri scienca agado kaj pri landa kaj regiona agado turnis sian atenton al tiuj demandoj.
La Komitato de UEA akceptis ĉiujn konkludojn de la subkomitatoj kaj aprobis aktualigitan Strategian Laborplanon de UEA 2001-2010 „Al Lingva Demokratio”. La plano traktas la E-instruadon kiel unu el tri prioritataj agadkampoj: informado, instruado kaj utiligado, kun tri prioritataj agaddirektoj: tutmondiĝo, plijuniĝo kaj profesiiĝo. Estis aprobita ankaŭ la nova regularo de elementa kaj meza niveloj de Internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA proponita de IEK.

*Laŭ raportoj de Jennifer Bishop kaj Hazel Green kompilis Radojica Petrović*

## Komitataj konkludoj de UEA rilate al edukado

- Por allogi studontojn instruistoj proponu oftajn mallongajn staĝojn kaj ne maloftajn longajn staĝojn. UEA nepre zorgu pri la utileco de E-o. Ekzemple en Ĉinio multaj eklernas E-on por eniri institutojn pri supera edukado, sed poste ne plu studas, ĉar E-o poste ne utilas. Aliflanke estas notite ke ni “kirasu” nin kontraŭ perdo de studantoj: tio okazu rilate aliajn lingvojn/aliajn fakojn.
- Instruistoj: UEA, kunlabore kun ILEI, ellaboru normojn, por ke niaj ekzamenoj kaj diplomoj estu internacie agnoskataj. Necesas ekzameni la problemon de la instrurajtiga diplomo kaj de la kongruigo inter la internaciaj ILEI-diplomoj, la specifaj landaj diplomoj kaj ties adapteblo al la naciaj sistemoj.
- Instruiloj: diskutataj estis lernolibroj uzataj principe en evoluantaj landoj. Leviĝis la demando, ĉu necesas simpligi lernolibrojn/ekzamenojn, por ke ili prezentu pli “uzantoplaĉan” aspekton. Eble ILEI konsideru.
- Peti kaj konsideri internacian enketon de ILEI, farotan laŭ objektivaj kriterioj, pri la vera utileco de diversaj E-kursoj, kaj pri ties bezonoj kaj pravigoj de helpo, inkluzive financa.
- La respondeca estrarano pri faka agado provu renovigi la iaman kontakton inter UEA kaj la Internacia Asocio de Universitatoj.
- UEA plenumis la pasintjaran peton, ke unu numero de la revuo *Esperanto* pritraktu aparte edukajn aferojn. Oni esprimis fortan deziron, ke 'edukad'-numero de eniru la kutiman eldonritmon de la revuo.

**Liu Xiaojun**

# Sistemo de edukado kaj lingvoinstruado en Ĉinio

*prelego en la Tago de lernejo dum la 89-a UK en Pekino (parto I.)*

Ĉinio estas unu el la plej frue civilizitaj landoj en la mondo, ĝi havas historion de civilizacio de pli ol 5 mil jaroj.



Por civilizi homojn, edukado estas tre grava. En antikva Ĉinio, edukado funkciis en la privata hejmo: tiam se oni havis infanojn kaj volis eduki ilin, oni venigis instruanton en la hejmon kaj petis lin instrui legi, skribi kaj kalkuli al infanoj. En la periodoj de printempo kaj aŭtuno kaj militantaj (antaŭ pli ol 1500 jaroj) aperis lernejoj (ĉine: Sishu). En tiu periodo estis fama edukisto Konfuceo, li estis granda filozofo, pensulo de antikva Ĉinio. Li komencis vojaĝi kaj prelegi en diversaj lokoj, en diversaj regnoj. Gejunuloj kiuj volis lerni sciojn kunvenis ĉe li kaj aŭskultis lian prelegon aŭ dirojn de Konfuceo, tio estis la plej frua lernejo en antikva Ĉinio, kvankam tia lernejo ne estis dumlongtempa aŭ fiksa en iu loko. La prelego aŭ diro de Konfuceo koncernis precipe kiel esti bonkora homo, kiel rilati kun aliaj homoj, kiel lerni kaj helpi alian kaj similajn demandojn. Konfuceo propagandis siajn pensojn kaj ideojn per tia vojaĝa instruado. Pro la fakto, ke liaj pensoj kaj ideoj estis laŭdeblaj kaj sekveblaj, liaj disĉiploj kolektis liajn prelegojn kaj dirojn kaj faris libron, tio estas „Diroj de Konfuceo" (Lunyu). En la plej prospera periodo, Konfuceo havis pli ol tri mil lernantojn kaj la loko kie li prelegis, estis relative fiksa, tial oni opinias ke tio estas la plej frua lernejo en Ĉinio.

Laŭ mia opinio, la sistemo de edukado en Ĉinio formiĝis dum la Qing – dinastioj (960-1911). En tiu periodo, la registrita sistemo jam maturiĝis kaj por elekti oficistojn, oni komencis okazigi ekzamenojn. Tio signifas, ke, se iu deziris fariĝi oficisto, li devis trapasi ekzamenojn. La unua ekzameno okazis en la distriktoj Xiangshi. Se oni sukcesis en la ekzameno, oni povis trapasi ekzamenon en la ĉefurbo de la lando. Se oni sukcesis ankaŭ tie, oni fariĝis oficisto. Li povis administri distriktojn, li estis registranto aŭ administranto de iu loko, distrikto aŭ provinco. Oni nomis tiun sistemon

Keju. Tia sistemo daŭris preskaŭ 300 jarojn de la Qing-dinastioj. En la komenco de la dudeka jarcento, okcidenta kulturo kaj civilizacio, sekvante la invadon de fremdaj landoj, pli kaj pli multe venis al la malnova Ĉinio, precipe post la Revolucio de 1911. Tio okazis, kaj la revolucio gvidata de Sun Yatsen estis granda evento en la malnova Ĉinio. Poste okazis la movado de la 4-a de Majo en 1919, tiu movado estas rigardata kiel ideologia origino de multaj gravaj eventoj en la moderna historio en Ĉinio. Ĝi estas ankaŭ la movado de nova kulturo. Antaŭ kaj post la movado de la nova kulturo, multaj kulturaj aspektoj ŝanĝiĝis. Tiam novaj tipaj organizoj de edukado aperis: la unua universitato fondiĝis en Ĉinio. Tio estas la Beijing-a Universitato. La dua universitato en Ĉinio estas Shandong – la Universitato kie mi laboras nun. Ekde tiam, en diversaj lokoj de la lando fondiĝis diversgradaj lernejoj. Ĝenerale en la distriktoj aperis elementaj lernejoj, en la grandaj urboj de la provincoj ekestis mezgradaj lernejoj, ofte superaj lernejoj estis en la ĉefurbo de la provincoj aŭ de la lando. Komencis ekzisti trigradaj lernejoj en Ĉinio. La granda Movado de la 4-a de Majo plue naskis protestan movadon de diversaj soci-tavoloj de Ĉinio. Ĝi ankaŭ ebligis enkonduki diversajn novajn ideologiojn kaj sciencajn sciojn en ĉinajn lernejojn. Kelkaj novaj fakoj aperis en lernejoj kaj universitatoj, ekzemple: kemio, geografio, filozofio, matematiko, fiziko, historio kaj aliaj. Ekde tiam, pli kaj pli multaj gejunuloj iris al fremdaj landoj por lerni novajn kaj modernajn sciojn. Ekde tiu periodo la sistemo de edukado en Ĉinio similas al tiu en okcidentaj landoj .

Post la fondiĝo de la nova Ĉina Popola Respubliko, la registaro plenumis diversajn reformojn. La edukado rapide disvolviĝis. Ni popularigis 9-jaran devigan edukadon. Por tio la registaro elspezis multe da mono.

Pri la sistemo de edukado en la nova Ĉinio mi donas al vi la tabelon jenan:

*Sistemo de edukado:*

Doktoriĝo: 3 jaroj – esplor-studentoj

Superaj lernejoj (ekde 18-a jaraĝo):

- medicina fako: 5 jaroj
- ordinara fako: 4 jaroj
- speciala fako: 3 jaroj

Mezgrada lernejo (12-18-jaraj gelernantoj): sume 6 jaroj

- supera: 3 jaroj
- malsupera: 3 jaroj

Elementa lernejo (6-7-12-jaraj gelernantoj): sume 6 jaroj

Infanĝardeno: ĝis la 6-a jaraĝo

**La elementa edukado** inkluzivas propedeŭtikan edukon, 9-jaran devigan edukon de elementa kaj malsupera mezlernejo edukon de supera mezlernejo, specialan edukon de handikapitaj infanoj kaj eliminon de analfabeteco. Nun 98.58 % de la lernoaĝaj geknaboj lernas en elementaj lernejoj kaj 90 % de la geknaboj de la mezlernejana aĝo lernas en mez-lernejoj, sed malpli ol 5 % de la gejunuloj estas analfabetoj. Pli ol 90 % de la ĉina popolo estas klerigitaj je 9-jara deviga lernado. Tio estas laŭ oficiala statistiko.

**La alta edukado**. La sistemo de la alta edukado en nia lando havas rudimentan skalon kaj danke al reformo en la pasintaj jaroj, ĝi iagrade perfektiĝis. La projekto krei 100 unuarangajn universitatojn jam komenciĝis en 1993. 708 altaj lernejoj jam kuniĝis en 302 universitatojn. La kuniĝo de superaj lernejoj profunde ŝanĝis la administran sistemon de superaj lernejoj, ebligis bonan aranĝon de la instruaj riĉfontoj kaj levis la instruan kvaliton kaj nivelon de la lerneja administrado. La registaro starigis specialan fonduson por helpi gravajn universitatojn en ilia strebado por enviciĝi inter avangardaj lernejoj de la mondo kaj por tio pli ol 30 altaj lernejoj ricevis la subvencion.

Post la reformado kaj malfermado, aliaj formoj de edukado aperis en nia lando. Tio estas neregistrara edukado, reta edukado, speciala kaj profesia edukado. Nuntempe la registaro aprobas, ke ĉiuj sociaj rondoj entreprenu edukajn establojn. La nuna 'Leĝo pri neregistara edukado' ekvalidis de la 1-a de septembro 2003. Ĝis la fino de 2003 aperis 60 mil neregistaraj lernejoj en kiuj lernas pli ol 11 milionoj da lernantoj. Inter tiuj lernejoj 1202 estas altaj lernejoj kun 1.4 milionoj da registritaj studentoj .

Sekve de la moderniĝo de nia lando, ankaŭ la maniero aŭ metodo de edukado moderniĝas. Nun jam funkcias ankaŭ reta edukado en Ĉinio. La reta edukado tre favoras la studentojn en malproksimaj landlimaj regionoj kaj lokoj, kie la edukado subevoluas, (ni nomas tiun edukadon la edukado de longa distanco). Danke al tia edukado, tiuj, kiuj malsukcesis en la ekzameno por eniri en altan lernejon, povas daŭrigi sian lernadon. Ankaŭ aliaj homoj, ekzemple laboristoj, kuracistoj, teknikistoj, eĉ funkciuloj de entreprenoj povas riĉigi siajn sciojn kaj esti trejnataj en retaj universitatoj .
Ni devas ankoraŭ iom paroli pri la speciala kaj profesia edukado. Nia registaro donas grandan atenton al speciala edukado. La ŝtato publikigis

serion da leĝoj kaj reguloj, kiuj havas klaran difinon pri la rajto de handikapuloj ricevi edukadon. Pli kaj pli multe da handikapuloj lernas en la elementaj kaj mezgradaj lernejoj. En la jaro 2003 pli ol 3000 handikapitaj lernantoj de la tuta lando eĉ sukcesis eniri en altajn lernejojn. En la jaro 1996, la 'Leĝo pri profesia edukado' ekvalidis. La profesian edukadon entreprenas ĉefe alta profesia lernejo, teknika lernejo, profesia mezlernejo, labordona trejna centro kaj alispecaj plenkreskulaj trejnaj lernejoj. Laŭ mia opinio, tiaj lernejoj disvolviĝos certe pli rapide kaj grande en nia lando, ĉar gelernantoj povas lerni pli rapide teknikon kaj diplomiĝinte de tiaj lernejoj ili povos facile trovi laboron kaj ili kapablas pli rapide lerte labori en modernaj fabrikoj kaj servoj. Tiaj lernejoj respondas al la bezono de la socio, tial pli kaj pli da gepatroj volas kaj ŝatas enirigi siajn infanojn en tiajn lernejojn, tio konformiĝas al la ekonomia strukturo kaj disvolviĝo de la nuna socio de Ĉinio. (*daŭrigota!)*

**ISIKAWA Tieko**

## Instruado de Esperanto en japanaj lernejoj

Por ke vi pli bone komprenu la situacion, mi unue klarigos iomete la eduksistemon en Japanio. Kiam oni uzas la vorton „lernejo", ĝi ĝenerale signifas lernejojn elementan, mezgradan kaj altgradan, tamen mi ne tuŝas altgradan lernejon ĉi tie. En Japanio elementa lernejo estas por lernantoj inter 6-12 jaraĝaj. Mezgrada lernejo plejparte dividiĝas en du kategoriojn, nome mezlernejo por 12-15 jaraĝuloj kaj supermezlernejo por 15-18 jaraĝuloj. Inter privataj mezgradaj lernejoj, tamen, troviĝas sesjara lernejo kunigante mezan kaj supermezan lernejojn. Lernado en elementa kaj meza lernejoj estas deviga.

Plejparto de la elementaj kaj mezgradaj lernejoj estas municipaj aŭ komunumaj; tio signifas ke ili estas gvidataj per diversaj reguloj truditaj de la Ministerio de Edukado kaj Scienco. En nia lando la eduksistemo estas sufiĉe centraligita kaj eĉ lernohoroj kaj lernolibroj estas reguligitaj. En elementa lernejo lernantoj devas lerni, krom ĉefaj lernobjektoj kiel la japana lingvo, matematikon, sciencon kaj socialajn aferojn inkluzive de historio kaj geografio, eĉ muzikon, gimnastikon, mastrumadon inkluzive de kuirado kaj kudrado kaj kaligrafio. Tio tamen ne estas ĉio en la lern-

objektoj. Troviĝas ankaŭ nova studprogramo tiel nomata “integrita aŭ temo-bazita lernado”, tri horojn semajne. Tio ĉi ne estas objekto por poentoj kiel aliaj lernobjektoj. Lanĉite kiel antitezo de trotakso al scioj nur por ekzamenoj, ĝi celas laŭ la Ministerio helpi lernantojn gajni kaj fortigi sian forton por vivi pere de diversaj travivaĵoj. En la kadro de tiu ĉi programo Esperanto nun havas ŝancon.

Unu el la kampoj kiujn montras la Ministerio kiel objektojn de tiu ĉi programo estas interkompreniĝo inter malsamaj popoloj. Pli ol 60 procentoj da lernejoj, utiligante tiun ĉi programon, enkondukas la anglan lingvon kaj kutimigas lernantojn al la lingvo. En japanaj elementaj lernejoj la angla ankoraŭ ne estas oficiala lernobjekto. Por enkonduki E-on en lernejon, ni povas utiligi ankaŭ tiun ĉi programon. Jam en kelkaj elementaj lernejoj E-o estas prezentita kaj lernantoj certe ĝuis la ŝancon, tamen tio estas nur prezentado de E-o kaj rilataj aferoj, do eble ni ne nomas ĝin instruado de E-o. Por instrui la lingvon ni bezonas certan tempon, sed nia sperto en elementa lernejo estas plejparte nur unufoja, kaj konsekvence tute mankas enmemorigo, uzado kaj praktikado de la lingvo. Antaŭe troviĝis en kelkaj elementaj lernejoj E-kluboj kie lernantoj daŭre lernis E-on, sed lastatempe tiaj kluboj preskaŭ malaperis. Instruistoj ŝajne estas tro okupitaj pri diversaj lernejaj aferoj. Por aktive labori kaj zorgi pri tiaj kluboj, mankas al ili tempo kaj energio ĉar oni devas multe klopodi por havigi al lernantoj intereson pri la agado. E-o estas tute malfacila al japanaj elementlernejanoj pro la granda diferenco inter E-o kaj la japana. Inter esperantistoj tamen estas certa kredo, ke elementlernejanoj lernu E-on antaŭ ol ili lernos la anglan. Japanaj elementlernejanoj en la kvara lernojaro lernas japaneskan latinliteran ortografion, do post la lernado de ĝi, ni pensas, ke ili pli facile akceptos E-on. Mi tamen devas konfesi, ke eĉ por la lernado de latinlitera ortografio nur du, tri horoj estas liveritaj ene de la japanlingva klaso. Do, kvankam ni teorie alte taksas la propedeŭtikan valoron de Esperanto, tre bedaŭrinde ni ne havas ŝancon provi ĝin!

Pri mezlernejoj, la situacio estas preskaŭ simila al tiu de elementa lernejo. Ne nur E-instruistoj sed ankaŭ eksterlernejaj esperantistoj donis ŝancon scii pri E-o al multaj lernantoj de mezlernejoj tutlande. Antaŭe en Japanio nur kvalifikitaj instruistoj povis instrui lernantojn, sed danke al la nova programo jam menciita, nun ankaŭ eksterlernejaj homoj povas gvidi la klason se la ĉefo de la lernejo konsentas. Spertaj homoj en diversaj kampoj

estas bezonataj por tiuj programoj. Estas klare, ke instruistoj jam ne povas trakti ĉion.

Mi mem jam kvar jarojn en la sama mezlernejo havis tri-horan lecionon pri Esperanto. En ĝi mi instruas nur supraĵe iom da gramatikaj aferoj kaj simplajn esprimojn. Lernantoj tamen ĉiujare estas tre impresitaj de E-o kaj multaj skribis post la lernado, ke ni bezonas komunan lingvon, aŭ ke E-o ŝajnas multe pli facila ol la angla. Ni jam havis kelkajn raportojn pri similaj ekzemploj. La plej sukcesa ekzemplo estas tiu de iu mezlernejo en la urbo Oume, ĉirkaŭurbo de Tokio. Iu esperantistino sendis poŝtkartojn al urbaj mezlernejoj proponante ke ŝi povus helpi la klason utiligante E-on. Unu mezlernejo respondis kaj petis al ŝi, ke ŝi gvidu la klason unu fojon en ĉiu trimestro, do tri fojojn en unu jaro. Oni ne povas vere instrui E-on en tiu mallonga tempo; oni povas nur tuŝi E-on aŭ ludi per E-o, tamen ni semas la semon de Esperanto por ke ili havu pozitivan impreson al nia lingvo. Ni esperas, ke ili iam estonte lernos E-on. La pasintajn kvar jarojn en la sama mezlernejo oni havas tiun ĉi unikan klason. En kelkaj mezlernejoj ankaŭ E-instruistoj gvidas E-klasojn en la kadro de “integrita aŭ temo-bazita lernado”.

Fine mi traktos E-on kiel oficialan lernobjekton kun poentoj en super-mezlernejoj. En la jaro 1998, por la unua fojo, en la supermezlernejo Nippa en la urbo Jokohamo komenciĝis E-klaso. Tio estas unu el la fakultativaj klasoj kaj ĝin gvidis s-ino KITAGAWA Ikuko, instruisto de la angla. Ŝi mem instruis E-on kvar jarojn tie. Post ŝia transoficiĝo al la alia lernejo, alia gvidanto, kiu hazarde estas ŝia edzo, daŭre instruas la lingvon. Ankaŭ li estas eksterlerneja gvidanto. Do, kio alportas tian sukceson? Laŭ s-ino KITAGAWA, la lernejo mem havas flekseblajn edukprogramojn kaj ŝiaj kolegoj estas simpatiaj al plurlingveco. En la urbo Jokohamo loĝas multaj koreodevenaj aŭ ĉinodevenaj loĝantoj. Pro tio instruistoj en la urbo estas pli konsciaj pri plurlingveco, kaj E-o ankaŭ estas akceptebla tiusence. De la jaro 2001, en la alia supermezlernejo en la sama urbo E-o estas unu el la lernobjektoj fakultativaj. Ĝin gvidas s-ro KUNIMATU, kiu estas instruisto de la japana. Alia japanlingva instruisto havos E-klason en septembro ĉi-jare en la urbo Osaka. Tio ankaŭ estos oficiala klaso. Ambaŭ urboj Jokohamo kaj Osaka estas respektive la dua kaj la tria grandaj urboj en Japanio, kaj en Osaka same kiel Jokohamo loĝas multaj alinaciaj loĝantoj. Do ni povus konkludi ke en grandaj urboj E-o estas akceptebla kiel unu el

la fremdaj lingvoj instruindaj en lernejoj. En multaj aliaj lokoj, nur la angla estas traktata kiel oficiala lernobjekto.
Lernantoj de supermezlernejo jam lernas la anglan minimume tri jarojn en mezlernejo, do por ili E-o devas esti relative facila. Dum la lernado ili fakte ĝuas la klason, sed mankas al ili uzado kaj praktikado. Plejmulto de ili ŝajne ne daŭrigas la lernadon post la foriro de lernejo. Tion ni bedaŭras, tamen la rezulton oni ankoraŭ ne vidas. Ni kredas, ke kelkaj el ili estonte relernos E-on ne kiel lernobjekton kun poentoj sed kiel ilon por havi kontakton kun homoj tra la mondo.

Por certigi la nunan favoran situacion, Asocio de Lernejaj Esperantistoj (ALE) daŭre aktivas helpante instruistojn kaj instruantojn. En la monata organo de JEI „La Revuo Orienta", aperas unupaĝa rubriko pri lernejaj agadoj ĉiumonate.
Majon ĉi-jare JEI eldonis novan libreton „Invito al la internacia lingvo Esperanto" por ke homoj, precipe junaj homoj, komprenu kio estas E-o. Tiun libreton redaktis ALE. Kaj en novembro ĉi-jare la stud-eduka fako de JEI faros enketadon por pli bone koni la situacion pri enkonduko de E-o en lernejojn inkluzive de altgradaj lernejoj kaj universitatoj. Pri la rezulto mi raportos ankaŭ en IPR.

**Tim Morley**

## Pri la porinstruista seminario de NASK-2004

Dum tri semajnoj en julio de 2004, okazis refoje la *Nord-Amerika Somera Kursaro (NASK)*, sed ĉi-jare ĝi estis speciala okazo por mi dukiale – krom la lingvoinstruado je tri niveloj, por la unua fojo la ĉi-jara programo inkluzivis porinstruistan trejnseminarion, kaj ankaŭ por la unua fojo, la partoprenantaro inkluzivis min!

Mi lernis pri la ekzisto de la kursaro, kaj de la malavare proponataj stipendioj de la *Schultz Educational Foundation*, nur kelkajn semajnojn antaŭ la komencdato, do mi estis tre kontenta, ke oni akceptis mian lastminutan aliĝon. Leginte la retpaĝon pri la kursaro, mi atendis trejnadon, kiu tre bone taŭgus por mi – lerni pri diversaj instrumetodoj kaj aliroj, pri kiuj mi havis nur tre nubecan scion; havi la okazon observi klasojn de tre spertaj instruistoj (*Duncan Charters, Katalin Kováts* kaj *Lee Miller*); kaj

simple sperti kaj ĝui tri semajnojn en esperantlingva medio – kaj mi senhezite dirus, ke miaj atendoj estis tute trafaj.
La seminarioj estis duspecaj – estis prezentaĵoj, ĉefe de Duncan, pri diversaj metodoj kaj aliroj jam uzitaj por instrui lingvojn ĝenerale, inkluzive de la gramatik-traduka, aŭdparola, silenta vojo, desugestopedio, inter aliaj; ni poste hejmeniris kun amaso da legindaĵoj pri ĉi tiuj. Ankaŭ estis diskutseminarioj, gviditaj ĉefe de Katalin, pri konkretaj, tujaj aferoj – kiel taksi lernomaterialojn, kiel plani plurmonatan kurson, ni lernis bonajn trukojn por instrui tiun aŭ tiun tiklan punkton de E-o, kaj havis multe da diskutado pri la kursoj, kiujn ŝi faris dum NASK.

Alia grava afero por ni instruontoj estis observado de la kursoj gviditaj de Duncan, Katalin kaj Lee. Plurfoje oni petis, ke ni observu specifan lecionon aŭ lecioneron, por poste pridiskuti, malkonstrui kaj profunde kompreni ĝin, sed ni krome estis invititaj ĉeesti iun ajn alian lecionon, kaj fakte ni plene profitis de tiu oportuno kaj multe lernis per ĝi.




*La partoprenintoj de la instruista trejnseminario: Petra Smidéliusz (HU), Tim Morley (GB), Danijela Drakula (HR), iom malantaŭe Neal Parker (US), Ellen Eddy (NASK-organizintino, US), Chuck Smith (US), Beth Magallon (US), Normand Legault (CA), Sally Lawton (US).*

Se mi havus unu kritikon de la porinstruista kurso, mi dirus, ke la praktika aspekto de instruado estis iom neglektita. Ni observis multajn kursojn, kaj multe pridiskutis kaj praktikajn kaj teoriajn aspektojn de instruado, sed ne multe ekzercis. Laŭ la retpaĝo, "ĉiu studento pretigos kaj prezentos almenaŭ unu provlecionon", sed entute ni preparis nur unu. Kiam mi faris iom similan trejnadon por instruontoj de la angla (*Trinity CTESOL, Certificate in Teaching English to Speakers of Other Languages*), dum la kvinsemajna staĝo mi troviĝis preskaŭ ĉiutage antaŭ klaso de alilingvaj lernantoj kaj devis provi iel instrui ion al ili. Tiu malsameco inter la kursoj, tamen, povus praviĝi pro iliaj malsamaj celgrupoj (eĉ se la efektivaj seminarianoj ĉe NASK ne tute konformis kun deklarita celo) – normale, la partoprenantoj ĉe NASK jam estus ĉefe praktikantaj instruistoj de E-o, kiuj do ne bezonus tiom da praktika ekzerco por bone profiti de la teoriaj diskutoj.

Bedaŭrinde, oni ne planas reorganizi porinstruistan elementon je la venonta jaro aŭ du jaroj, sed laŭ mia kompreno, oni ja pensas refari ĝin post "kelkaj jaroj". Kiam ĝi eventuale refariĝos, mi forte rekomendos ĝin al ĉiu instruanto aŭ instruisto de E-o, sperta aŭ ne. Kune kun la tre bona etoso de la kursaro, la interesaj vesperprogramoj kaj la belega ĉirkaŭaĵo de la lernejo, ĝi faros el NASK tre valoran kaj spertindan okazon.

*Tim Morley, Kembriĝo, Anglio*

## *El la landoj kaj sekcioj…*

### Barato

Invitite de Venkatesh Reddy, Trevor kaj Katja Steele pasigis plurajn monatojn en la sudbarata grandurbo Bangaloro. En la kursoj de ili gvidataj partoprenis plurcent lernantoj. Pri la kursoj ni detale raportos en la sekva numero de IPR. *(NdlR)*

### Benino

**Interkulturo en Aguidahoue**

Ni volis enkonduki la lingvon E-o en la lernejo Aguidahoue. Por allogi la lernantojn mi organizis senpagan someran kurson en la tiea lernejo kaj partoprenis ĝin preskaŭ ĉiuj lernantoj. Dum la kurso mi prezentis la

historion de E-o. Antaŭ la fino de la kurso pli ol la duono de lernantoj interesiĝis pri la lingvo kaj pretis lernadi ĝin. La lernejestro konsentis kaj bonvenigis tion.
Komence mi instruis la lingvon dufoje semajne sed ekde 2002 nur unufoje (2-3 horoj) – pro la distanco Lokossa-Aguidahoue (16 km). Mi trovis al ili korespondklason en Ĉeska Trebova/Ĉeĥio kun la helpo de Technokiva Eva. Per la korespondado la lernantoj ekkonas diversajn landojn kaj kulturojn en aliaj partoj de la terglobo. Tiel la Esperanto-projekto Interkulturo (EPI) aperis en la lernejo Aguidahoue. EPI celas enradikigi kaj koncentrigi E-on en la lernejo Aguidahoue kaj ankaŭ en alia lernejo „Adame", kiu survojas al la akcepto de E-o en sia programo[3].
Komence de la naskiĝo de EPI, la movado iomete lamis kelkajn monatojn ĉar neniu instruisto en la lernejo konis la lingvon kaj mankis homoj pretaj por sen salajro dediĉi horojn al la instruado. Pro tiuj du faktoroj EPI ekorganizis seminariojn por instruistoj en la lernejo. Tiuj instruistoj povas transpreni la movadon dum forestoj de la gvidanto de EPI.
EPI realigas la jenajn aktivaĵojn: instruadon, seminariojn, kongresojn, sporton. Ĝis nun ĝi ne ankoraŭ organizis kongreson pro financa problemo.
Kiel rezultojn mi povas mencii, ke la infanoj (entute ĉ. 130, inter 5-12 jaraj) scipovas legi, skribi kaj iomete paroli E-on. Krome ili eksciis iom pri aliaj landoj, konatiĝis kun kulturoj de aliaj popoloj kaj interŝanĝis sciojn per korespondado.

*François HOUNSOUNOU,*
*gvidanto de EPI, BP 226 Lokossa-Mono-Benin*

## Brazilo

**ILEI-BR kaj la 39-a Brazila Kongreso de E-o**

La Brazila Sekcio de ILEI tre aktive partoprenis la 39-an Brazilan Kongreson de E-o (julio, 18-22). Nia eklaboro okazis pere de la kunordigado de la ĉefdebatoj pri la Oficiala Temo de la Kongreso fare de Marcos Zlóv Zlotovich, Sekciestro de ILEI-BR, kiu, dum tri sinsekvaj tagoj, dividis kun la publiko siajn spertojn pri edukado-instruado de laborfakoj pri E-o kaj ebligis, ke ankaŭ aliaj eminentaj kaj aktivaj kunlaborantoj montru siajn konsiderojn koncerne la proponitan ampleksan temon. Alia aktiveco, kiu alvokis la atenton de la ĉeestantaro dum la

[3] En Benino sume estas 11 E-instruistoj.

matenoj en la kongresejo, estis la Pedagogiaj Kunvenoj de ILEI, kiuj, duajare rolis kiel kunigiloj inter la geesperantistoj el la tuta lando. Tiuj kunvenoj jam fariĝis tradicia programero de la nuna sekcio de ILEI en Brazilo kaj estas okazigataj ne nur kadre de eventoj kaj kongresoj, sed ankaŭ kiel specifaj renkontiĝoj de la Ligo mem dum la jaro, ĉiam alportante grandan nombron da gekunlaborantoj Ĉi-jare la Pedagogiaj Kunvenoj de ILEI-BR kunfandiĝis kun la ĉefaj debatoj de la Kongreso, ĉar la Oficiala Temo de Kongreso estis "Esperanto en lernejo".

La Brazila Sekcio de ILEI okazigis ankaŭ sian ekzamensesion ĉe la niveloj Baza kaj Mezgrada, por kiuj pli ol du dekoj da interesatoj plenigis aliĝilojn. Dum ĉiuj labortagoj de la Kongreso, ILEI-BR funkciigis budon kun diversaj servoj favore al la E-komunumo, kiel ekzemple la disvastigado de organoj publikigataj de ILEI Internacia, enskribiĝo por nia ekzamensesio, kolektado de aniĝoj kaj ankaŭ klarigo pri ĉiaj duboj rilate al nia agado.

*Rodrigo de Méo, Sekretario de ILEI-BR*



# Ĉeĥio

**Pri la agado de niaj ĉeĥaj gekolegoj**

En Ĉeĥio funkcias tri infanaj rondetoj, nome en Česká Třebová (gvidas Zdenka Novotná), en Okříšky (Kamila Bártová) kaj en Ratiškovice (Jana Melichárková). Jana Melichárková ankaŭ aŭtoris novan lernolibron por infanoj proksimume 8-jaraj (Esperanto pro děti 1) kun ilustraĵoj de Miroslava Tomečková, eldonita de KAVA-PECH 2003 – nun estas preparata dua parto kaj onidire ankaŭ pola traduko. Siajn instrumaterialojn por komencantoj kaj progresintoj pretigis Jindřiška Drahotová el Mladá Boleslav por siaj kursoj kaj nun ŝi prilaboras legolibron. En la Universitato Masaryk en Brno instruas laŭ propra materialo Josef Vojáček, kiu prelegas pri E-o ankaŭ por emeritoj en la t.n. „universitato de la tria aĝo".
Tradicie tre sukcesa estis la somera tendaro de la katolika sekcio en Sebranice. E-o komencas reveni ankaŭ en Someran E-Tendaron en Lančov, kvankam oni tie devas instrui ankaŭ la anglan kaj germanan pro ekonomiaj motivoj. Ĉiukaze ĉiuj tendaranoj forveturas informitaj pri la problemo de la internacia lingvo kaj minimumo de la E-a gramatiko.
Studento Tomáš Břicháček fondis en la interreto retan klubon de ĉeĥa E-junularo, en kiu li prezentas sian propran kurson. Plie li faris eksperimentan kurson de studentoj en bierejo.
Sinjoro Zdeněk Maršík adaptis por la reto klasikan lernolibron de Theodor Kilian por ĉeĥoj. Estis ĉeĥigitaj du internaciaj retaj kursoj: *lernu!* de TEJO estis tradukita de Dagmar Chvátalová (pli juna fratino de Vladka); Brazilan kurson ĉeĥigis Miroslav Malovec jam antaŭ tri jaroj, sed ĉi-jare li sukcesis ĉeĥigi ankaŭ la instrukciojn.



Malovec kun konsento de la heredantino de la aŭtoraj rajtoj enkomputiligis kaj enretigis kvar romanojn por knaboj de František Omelka (1904-1960). La kvar romanoj (Aventuroj de Antonio, La alaska

stafeto, Kaptitoj de la glacirokoj, La granda Admiralo pri Magalhaes) estas bona legaĵo por geknaboj kaj komencantoj. Adresoj:

*www.medy.cz/Brno-Esperanto/ALASKA.htm;*
*www.medy.cz/Brno-Esperanto/Antonio.htm;*
*www.medy.cz/Brno-Esperanto/ADMIRAL0.htm*.

Malovec kontribuas ĉefe al reta enciklopedio Vikipedio, kiu grave kontribuas al Interkulturo, ĉar ĉiu kontribuanto tie povas prezenti sian nacian kulturon, profesion aŭ hobion (ekz. pedagogion). Ĝi servas ankaŭ por aktualigo de Enciklopedio de Esperanto (1935) kaj por informado pri E-o, ĉar Wikipedia havas jam tridek lingvajn versiojn kaj en ĉiuj ekzistas ligoj al la E-a. La enciklopedion startigis TEJO-anoj, ĝi estas ankaŭ forta motivo por aktivi en la movado.

*Sur la foto apuda: Josef Vojáček (dekstre) kun Sandor Horváth (AU) en la ILEI-Konferenco en Bratislava*

*Raportis: Miroslav Malovec*

## Finnlando

**Kursoj en Valamo**

Okazis du intensaj E-kursoj 5-9.7.2004 en popola instituto apud la ortodoksa monaĥejo Nova Valamo. Ambaŭ kursoj konsistis el po 25 lecionoj 45-minutaj, ekskursoj kaj prelegoj. Entute ĉeestis 18 gelernantoj. Ankaŭ dum la paŭzoj kaj manĝoj oni ekzercis sin pri la parolata lingvo.

La superan kurson gvidis Atilio Orellana Rojas, uzante sugestopedian metodon. Li vespere prelegis pri mitoj kaj legendoj de Sudameriko. Meksikano, Osman Lucero Anzures prelegis pri sia lando kaj ties kulturo. La prelegantoj havis kun si belajn objektojn por montri kaj frandaĵojn por gustumi, kio ege plivigligis kaj scivoligis la aŭdantaron. En la elementa kurso rektmetode instruis magistro R. Pyhälä (Saliko), ano de ELFI.

Ambaŭ grupoj kune konatiĝis kun la historio, konstruaĵoj kaj vivo de la monaĥejo, kiu translokiĝis de Sovetio en Finnlandon fine de la dua mondmilito. La grupanoj piede ekskursetis en la ĉirkaŭa arbaro kaj en la apuda ortodoksa tombejo. En unu vespero ili aŭskultis prelegon pri universalaj kongresoj kun diapozitivoj, en alia ili lernis pri la ĉiutaga vivo de finnaj arbarhakistoj antaŭ 30-60 jaroj. Multaj kursanoj saŭnumis en tradicia fumsaŭno, kun refreŝiga bano en malvarmeta lago sub malfruvespera suno.

En la adiaŭa vespero kantis kaj deklamis Anja Karkiainen, plurfoja premiito en la Belartaj Konkursoj, kaj violonis la kurs-respondeculo Tiina Oittinen, ELFI-ano. Komencantoj kaj progresintoj kune aktoris. La kursoj en Valamo okazis jam la kvinan fojon kaj reokazos 4.-8.7.2005.

*Surfote: maskoj sur la muro dum sugestopedia kurso de A.O. Rojas*




*Saliko*

## Italio

**Esperanto en itala ŝtata mezlernejo**

La 31-an de majo en la mezlernejo „Benedetto Croce" de Peskaro okazis unuagradaj ekzamenoj de E-o. La ekzamenojn organizis Itala Instituto de E-o. En ĝi brile sukcesis la duaklasaj gestudentoj, kiuj lernis en lingva interkultura laboratorio programita kaj realigita de la profesorinoj Daniela Campitelli kaj Anna Maria Colacicchi.

La ekzamenan komisionon konsistigis la prezidanto de UEA, Prof-ro Renato Corsetti, docento de psikopedagogio de lingvo kaj komunikado ĉe Universitato „La Sapienza" de Romo, magistro Romano Bolognesi, prezidanto de IFEF (Internacia Federacio de Fervojistoj Esperantistaj) kaj estro de la Itala Katedro de E-o en Bolonjo kaj instruistino Luigia Oberrauch Madella, itala sekciestro de ILEI.

Laŭ la lerneja instruprojekto la gestudentoj, pere de studado de la internacia lingvo E-o, ekhavigis al si la konon de aliaj kulturoj, ankaŭ danke al utiligo de la novaj teknologioj (interreto, retpoŝto, videokonferencoj). Ili lernis modifi, pere de ekkono de „aliuloj”, kelkajn siajn kondutojn bazitajn sur antaŭjuĝoj kaj stereotipaj kliŝoj. La gestudentoj multe aprecis tiujn ĉi unuajn kontaktojn, kiuj havigis al ili interalie interŝanĝojn de mesaĝoj kun samaĝaj ĉinoj kaj bulgaroj, kun kiuj kreiĝis belaj amikrilatoj super landlimoj.

## Japanio

**Pri la 37-a E-Seminario, Ranzan 2004**

La Stud-eduka Fako de JEI okazigis la 37-an E-Seminarion de la 1-a ĝis la 3-a de majo en la urbo Ranzan kun partopreno de ĉirkaŭ 50 novaj kaj malnovaj esperantistoj, inter ili troviĝis kvar blinduloj. Dum tri tagoj, entute 12 horojn partoprenantoj diligentege lernadis en kvin klasoj, nome elementa, elementa-mezgrada kaj tri mezgradaj klasoj. Krom tiuj lernohoroj okazis prelegetoj de s-ro YAMASAKI Seikô pri instrumetodo de E-o kaj de s-ro USUI Hiroyuki pri la lingvo kaj vivo de Papuo-Nov-Gvineo. Dum la seminario ok homoj havis ekzamenon kaj kvin havis novan teston ambaŭ aranĝitajn de JEI. Vespere de la dua tago, ĉiuj ĝuis la programon „Gaja Vespero”. La nombro de partoprenantoj ne estis tiel granda kiel ni antaŭvidis ĉar okazis kelkaj aliaj okazaĵoj en la sama tempo, tamen tiu ĉi seminario donis al la partoprenantoj freŝan stimulon altigi sian lingvonivelon.

*ISIKAWA Tieko*
*Sekciestro de ILEI en Japanio*

## Kroatio

**Pri la agado de la kroata ILEI-sekcio de KEL en 2003**

En 2003 la kroata ILEI-sekcio/KEL havis 10 membrojn kaj kelkajn kunlaborantojn. Dum la studjaro 2002/2003 en Kroatio gvidataj estis 20 kursoj (pli detale en IPR 03/3). Dum nia kunsido en aprilo 2003 ni elektis novan estraron. Ankica Jagnjić iĝis prezidanto kaj Ida Bogadi Sekretario. Fine de majo 2003 en marborda urbeto Kostrena apud Rijeka Kroata E-Ligo kaj E-Societo Rijeka okazigis la duan kroatan nacian konkurson pri kono de E-o por lernantoj el elementaj lernejoj. La konkurson partoprenis 24 lernantoj el 7 elementaj lernejoj. Ses lernejoj oficiale sendis kaj finance

subtenis siajn lernantojn. Kadre de la aranĝo okazis prelego pri temo „E-o kaj Montessori Pedagogio." Prelegis prof. Judita Rey Hudeček.
De la 30-a de aŭgusto ĝis la 7-a de septembro okazis la dua sinsekva renkontiĝo de gejunuloj „Mezeŭropo Estas Mia Hejmo". En la aranĝo partoprenis ok gejunuloj el Hungario, Francio kaj Kroatio. Ĉefprelegis pri arkitekturo arkitekto Teodora Kuchinac. Spomenka Ŝtimec prelegis pri Tilla Durieux kaj prezentis sian novan libron. Krome, la partoprenantoj el ĉiu lando prelegis pri sia nacia lingvo kaj kulturo.
En oktobro 2003 okazis kunsido de ILEI-sekcio de Kroata Esperanto Ligo. Ĉar Ankica Jagnjić kaj Ida Bogadi volis retiriĝi de la taskoj de prezidanto kaj sekretario surloke estis unuanime elektitaj novaj: Prezidanto de la kroata ILEI-sekcio estas Marija Jerković. Sekretario estas Emil Hrvatin.
Marija Jerković informis pri la programo okaze de la 26-a de septembro kiam ŝia lernejo en Europski-dom festis Eŭropan lingvotagon per interesa E-lingva programo en ĉeesto de gravuloj. Ŝi proponas ke estonte ankaŭ aliaj lernejoj partoprenu tiun programon por informi pri Esperanto.

*Laŭ informoj de Emil Hrvatin,*
*Sekretario de Kroata ILEI-sekcio/KEL*

## Pollando

Jam de kelkaj jaroj la gelernantoj en la Baza Lernejo numero 34 en Rybnik lernas E-on. Instruado de la E-lingvo okazas dum nedevigaj okupoj kun ĉ. 30 gelernantoj (duono el la tria klaso, aliaj diversklasaj).



Gvidas ilin la instruistino Teresa Konsek. La gelernantoj eklernas la lingvon kantante, kuirante ekzotajn manĝaĵojn kaj skribante leterojn. Kiu volas korespondi kun klasanoj, skribu al: *Klaso 3B, Szkola Poolstaklowa 34, ul. Reymonta 69. PL-44-2000 Rybnik, Pollando*

## Rumanio

Inter la 30-a de aprilo kaj la 2-a de majo okazis en la urbo Braŝov la Kongreso de E-Asocio de Rumanio. La Rumana ILEI-Sekcio havis apartajn programerojn en la kongreso, ekz. ni kunorganizis kurseton por komencantoj kaj konversacian rondon por progresintoj, kaj organizis libro-ekspozicion.

Je la 2-a de majo ni havis specialan ILEI-kunvenon, dum kiu mi parolis pri la celoj kaj la strukturo de ILEI, kaj pri la agadplano de la rumana ILEI-Sekcio. Mi parolis ankaŭ pri la neceso agi kune, do pri la neceso fortigi nian sekcion kaj havi en ĝi reprezentantojn de ĉiuj enlandaj E-Asocioj, pri la neceso agi laŭplane, do organizite, kaj pri la neceso interŝanĝi la spertojn kaj helpi unu la alian. Tio ne restis sen eĥo… Dum la ILEI-Konferenco de Orestrand mi promesis duobligi la nombron de la anoj de la Rumana ILEI-Sekcio (tiam nur 3), sed post nia kunveno en Braŝov la nombro de niaj membroj estas 16.

*Mihai Trifoi, sekciestro*

## Serbio kaj Montenegro

**Geknabetoj de Zajeĉar progresas Esperante**

La 5-an de junio 2004 okazis en Zajeĉar, kadre de la internacia projekto INTERKULTURO, A-ekzameno de E-o. Ekzameniĝis 5 kanditatoj de la IV-a klaso de la baza lernejo „Ljuba Nešić". Al la ekzamenitoj estas disdonitaj la atestiloj sur la oficialaj formularoj de E-Instituto de SEL, Beograd. Pri la ekzamenado dissendis mallongan informon Radio Zaječar.

**26-a REF en Vojvodino**



De la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto okazis sur la farmo Katai en Mali Idjoŝ (Vojvodino) la 26-a REF. La renkontiĝon partoprenis 92 familianoj, el kiuj 51 infanoj, el 10 landoj: Belgio, Ĉeĥio, Francio, Germanio, Britio, Hungario, Kroatio, Norvegio, Svislando kaj Serbio-Montenegro.

La taga gazeto *Dnevnik*, Novi Sad aperigis preskaŭ tutpaĝan artikolon pri REF – kun la titolo *Parolu Esperanton por ke ĉiuj komprenu vin* – kun kelkaj impresdeklaroj de la partoprenintoj.

*Informis: Boriša Milićević*

## Ni funebras



Kun bedaŭro ni mencias, ke Georges Lagrange, E-verkisto, akademiano, franca esperan-tisto, membro de Franca E-Instituto, kungvidinto de la E-centro Kvinpetalo forpasis la 30-an de aprilo en Bouresse. Li estis 75-jaraĝa.

***

Kun bedaŭro ni informas vin, ke la 21-an de aprilo mortis Henriette Fort, 95-jara franca esperantistino. Kun la edzo Pierre ŝi lanĉis kaj vivigis ICEM-Esperanto kaj multe laboris por la Freinet-movado.
Nova adreso de ICEM-Esperanto: *10 rue de la Rochelle, FR-44 330 Le Pallet*.

***

Kun granda bedaŭro ni informas, ke la 6-an de julio 2004 forlasis nin, en la aĝo de 80 jaroj, Stanislawa Majerczak.



Kunigadon de homoj per Internacia Lingvo ŝi faris sian socian vivotaskon kaj laboris en Kroscienko (urbeto en la sudpollanda pitoreska montaro Pieniny) kiel plentempa instruistino nur de E-o kaj kiel tia, poste emeritiĝis.

Ŝia granda imagopovo manifestiĝis en ŝia tuta agado. Ŝi aplikis modernajn teknikojn en instruado de E-o, antaŭ ol ili aperis en la didaktiko; organizis neordinarajn priesperantajn spektaklojn kaj festojn por vasta loĝantaro de la regiono; prezentis la folkloron de Pieniny pere de E-o, dum turneoj de loka infana popol-ensemblo en Nederlando, Svedio kaj prezentoj en Francio. Sur la stratoj de la urbeto aŭdiĝis E-o: ĉie Stanislawa interparolis kun siaj gelernantoj nur Esperante. Pro zorgo pri praktikado de la lingvo, en la E-klubo ĉiu krokodila vorto apogis la kluban kason...
Dank' al eksterordinara personeco, boneco kaj helpemo, ŝi allogis homojn kaj multajn gajnis por la E-a idealo. Ŝi esperantistigis entute 1200 personojn, plejparte gejunulojn. Dum 40 jaroj ŝi gvidis la lokan E-Rondon. Ŝi estis honorita per polaj distingoj por merita esperantisto kaj instruisto.

Animo de la loka E-agado ĝis la lastaj momentoj de sia vivo, ŝi organizis ĉiujaran riĉprograman, tre sukcesan E-Feriadon kun Folkloro en Pieniny. Vivo aktiva, kiu montras, kiom **unu** konscia **persono** povas fari por E-o. Sen ŝia agado ne estus pli ol 10 % de esperantistoj inter la loĝantoj de ŝia urbeto, E-parolantoj en diversaj partoj de la mondo, E-instruado en iuj superaj lernejoj kaj la nuna agado de la pola sekcio de ILEI…

*Pola Sekcio de ILEI*

P.S. Ni petas ne kondolenci. Kontraŭe, diverslandajn E-geamikojn, kiuj rilatis kun la E-agado de tiu regiono, ni petas partopreni en preparo de rememor-dokumentaro pri tiu agado (bv. kontakti la polan sekcion).

## Juna amiko – pli da gazeto, pli ol gazeto

Jen slogano per kiu ILEI renovigos sian revuon por junuloj kaj komencantoj, ekde 2005.

**Pli da gazeto**, ĉar anstataŭ 112 paĝoj jare, kiel ĝis nun, ni pretigos 144 paĝojn. La ekstraj paĝoj prezentos novajn rubrikojn: Interkulturo, Kvino-Kvizo, Popolaj Kutimoj kaj pli. Ili permesos pli spacitan kaj agrablan dismeton de ĉiuj artikoloj. Por prizorgi la pli grandan gazeton ĝi ekhavos du redaktorojn: la ĝisnunan Géza Kurucz, kaj por la novaj rubrikoj Stefan MacGill.




**Pli ol gazeto**, ĉar ni malfermas por Juna amiko novajn ret-paĝojn. Kelkaj prezenton la revuon al ĉiuj, sed aliaj estos speciale pretigitaj por la abonantoj, por suplementi la paĝojn el la presita revuo. Do, nia dua slogano estas: „Juna amiko – revuo kaj retejo”.

La komitato de ILEI en Bratislavo akceptis ĉi tiun transformon, unue ĉar junuloj pli kaj pli uzas la reton, due por ke la fizika revuo pli ekonomie eluzu la sendotarifojn. Do, la presita revuo aperos trifoje jare (aprile, aŭguste kaj decembre) kiel okazis en la

unuaj dudek jaroj de ĝia aperado. Kaj la reta revuo prezentos ion novan ĉiumonate. Ofteco rete, palpeblo revue. Novaj varbiloj prezentos la oferton pli detale. Abonprezoj:

| | |
|---|---|
| Tarifo 1: 14 EUR | 11 EUR (ekde 3 ekz., po.) |
| Tarifo 2: 9 EUR | 7 EUR (ekde 3 ekz, po ) |

*Stefan MacGill*



*Marco Pérez (VE) kaj Maritza Gutierrez González (CU) dum la ILEI-Konf.*

## Redaktora postnoto

Dum la lastaj semajnoj nia redakcio ricevis aparte multe da valoraj materialoj. Pro manko de spaco pluraj artikoloj povos aperi nur en la sekvaj numeroj. Jen kelkaj el inter ili:

– Katarina Steele: Kvar monatoj de Esperanto en Hindio;
– Duncan Charters: Euroscola: ĉu modelo por eduko al transnacia komunikado?
– Atilio Orellana Rojas: ILEI 55-jara;
– Liu Xiaojun: Instruado de fremdaj lingvoj en Ĉinio;
– Ronald J. Glossop: Edukado al paco.

*Ni petas vian komprenemon!*